

*Milito* en la Standardo de Ur, 3-a jarmilo a.n.e. Aperas trupoj uniformitaj kaj formantaj, militĉaroj kaj la elstara figuro de estro. La venkitaj malamikoj estas piedpremitaj de la ĉevaloj aŭ submetitaj.



Du grekaj militistoj dum luktado. Malantaŭ ili estas militĉaroj. Fragmento de atika kratero de nigraj figuroj, Selinunte, suda Sicilio, 6-a jarcento a.n.e. (samtempa al la reformoj fare de Klisteno). La militista ekipaĵaro por la lukto de korpo kontraŭ korpo (kasko, lanco) estas simila al tiu kiun uzos la hoplitoj, sed ili luktas grupigitaj en falangoj, kaj la ŝildo estos desegnita por protekti kaj la kompanon kaj la portanton.



Sarkofago Ludovisi, ĉirkaŭ 250. La romiaj legioj luktas kontraŭ la gotoj, kiuj en venontaj jarcentoj (periodo de la ĝermanaj invadoj) ege kontribuos kaj al la kontinueco kaj al la Falo de la Romia Imperio, post kio estos establitaj kelkaj el la plej gravaj ĝermanaj regnoj de la Alta Mezepoko.



La Akvedukto de Segovio, nome utilcela konstruaĵo de la Romia Imperio de fino de la 1-a jarcento, plue estas markilo de la karaktero de nuntempa urbo, kune kun aliaj mejloŝtonoj de ties historio kiel la muregoj aŭ la katedralo. Aliaj montroj de la pludaŭro de la romanigo en la aktualo estas la lingvo, la juro, la religio ktp.



Ĉakmool (Chichén Itzá, urbo de majaoj fondita en la 6-a jarcento). La civilizacioj mezamerikaj disvolvigis apartan kulturon ligitan al la ceremonia milito inter rivalaj urboŝtatoj, kio inkludis la homoferon de la prizonuloj por

garantii la kosmologian ordon, krom antropofagion de ankoraŭ studita konsiderado.[49]


Kavaliro, ekleziulo kaj kamparano (nome la tri feŭdismaj tavoloj) ilustras la miniaturon de ĉapitriniciala litero en mezepoka manuskripto.

- **Mezepoko**: De valideco limigita al Okcidento, ekde la Falo de la Romia Imperio (5-a jarcento) ĝis la falo de la Orienta Romia Imperio (15-a jarcento). En periodo tiom longa okazis dinamikoj tre kompleksaj, kiuj tute ne rilatas kun la topikoj de izoligo, senmovismo kaj malhelismo per kiuj oni difinis ĝin ekde la perspektivo de la *moderneco*, kiu minusvalorigi ĝin kiel parentezo de malprogreso kaj diskontinueco inter mitigita antikva epoko kaj ties *renaskiĝo* en la moderna epoko.
    - **Alta Mezepoko**: 5-a jarcento ĝis la 10-a jarcento. Nome *malhela epoko* pro la malabundo de skribiaj fontoj, pro la retroiro de la urba vivo kaj pro la malkomponigo de la politika povo kiu estas karaktero de la feŭdismo. La Eklezio, ĉefe pere de la monaĥismo, iĝis la nura kontinueco de la intelektula tradicio. La nobelaro kaj la klerikaro, plej ofte ligitaj familie, estas la *senjoroj* kiuj plenumas la politikan, socian kaj ekonomian povojn super la kamparanoj submetitaj al la servuteco. Kasteloj kaj monaĥejoj hegemoniis en pejzaĝo de arbaroj, kampoj kaj domaretoj preskaŭ nekomunikitaj inter si.[50]
    - **Malfrua Mezepoko**: De la 11-a jarcento ĝis la 15-a jarcento. Foje oni limigas ĝin al la 14-a jarcento kaj al la 15-a jarcento, kiel krizo de la Mezepoko aŭ krizo de la 14-a jarcento; kaj tiel oni nomas la periodon de la 11-a jarcento al 13-a jarcento kiel Meza mezepoko. Oni produktis *urban revolucion* kaj pliigon de la komerca kaj artmetia agadoj fare de startinta burĝaro, kaj samtempe oni plifortigis la povon de la feŭdismaj monarkioj. La tiam nomitaj "universalaj povoj" (nome Papeco kaj Imperio) kontraŭstaris kaj kriziĝis. La Krucmilitoj montris la kapablon de eŭropa atendo al oriento de la Mediteraneo, dum en Al-Andalus (islama Hispanio) pliiĝis la forto de la kristanaj regnoj de la nordo de Iberio. La mezepoka universitato relaboris la antikvan sciaron pere de la skolastikismo (nome revolucio de la 12-a jarcento). En la finaj jarcentoj oni formis la trajtojn kiuj karakterizos la tutan periodon de la Antikva Reĝimo: nome ekonomio en transiro de la feŭdismo al kapitalismo, tavolsistema socio kaj aŭtoritatema monarkio en transiro al la absoluta monarkio.[51]


La Davido de Mikelanĝelo (1504), mejloŝtona verko de la Itala Renesanco, kaj ekzemplo de la fido en la homa estaĵo propra de la humanista antropocentrismo .

- **Moderna Epoko**: De mezo aŭ fino de la 15-a jarcento ĝais mezo aŭ fino de la 18-a jarcento. (Por angleparolantoj, *Early Modern Times*, tio estas, «Unua Moderna Epoko» aŭ «Frua Moderna Epoko»). Estas konsideritaj mejloŝtonoj kiuj markas ties ekon la presmaŝino, la konkero de Konstantinopolo fare de la turkoj aŭ la tiel nomita malkovro de Ameriko; kiel fino, oni kon sideras okazojn kiel la Franca Revolucio, la Sendependeco de Usono aŭ la Industria Revolucio. Tiu estas por la unua fojo, periodo de valideco preskaŭ tutmonda, ĉar por la plej parto de la mondo (kun la escepto nur parta de Ĉinio kaj Japanio —kiuj post unuaj kontaktoj decidis fermiĝi al la ekstera influo pli malpli— aŭ de tre apartaj lokoj de Ameriko, Afriko kaj Oceanio —koloniigitaj en la 19a jarcento—), tio supozis la trudon de la okcidenta civilizacio kaj de la nomita monda ekonomio. Komenciĝis la epoko de malkovroj kaj la ekspansio de la hispana imperio kaj de la portugala imperio, dum la mondo de la ideoj eksperimentis la plinovigojn de la Renesanco, la

Reformacio kaj la Scienca Revolucio; kontraŭstarigitaj de la Kontraŭreformacio kaj la Baroko. Dum en Francio de Ludoviko la 14-a dominis la absolutismo, en aliaj partoj de nordokcidenta Eŭropo dominis la unuaj burĝaj revolucioj kiuj defiis la Antikvan Reĝimon (nederlanda revolucio, angla revolucio) kaj en la sudo kaj oriento de la kontinento okazis procezo de refeŭdigo. La akso de la civilizacio moviĝis el la Mediteranea regiono al la Atlantika Oceano. La krizo de la 17-a jarcento kaj la Vestfalia Pac-Traktato rekonstruis novan eŭropan ekvilibron kiu malebligis la hegemoniojn ĉu hispanan ĉu francan, kiu restis dum la 18-a jarcento, karakterizita intelektule per la Klerismo. Laŭlonge de la tuta periodo plifirmiĝis la modernaj konceptoj de nacio kaj ŝtato.[52]

- **Nuntempa Epoko**. Ekde mezo aŭ fino de la 18-a jarcento ĝis la nuntempo. (Por angleparolantoj *Later Modern Times*, tio estas, «Dua Moderna Epoko» aŭ «Malfrua Moderna Epoko»). Dekomenca Epoko de revolucioj (industria revolucio, burĝa revolucio kaj liberala revolucio) finigis la epokon de la Antikva Reĝimo kaj malfermis la vojon en la dua duono de la 19-a jarcento al la venko de kapitalismo kiu etendiĝis per la imperiismo al la tuta mondo, kaj estis samtempe kontraŭata de la laborista movado. La Napoleonaj militoj malfermis la vojon al periodo de brita hegemonio dum la Viktoriana epoko. La komenco de la demografia transiro (unue en Anglio, tuj poste en la eŭropa kontinento kaj poste en la cetero de la mondo) produktis veran demografian eksplodon kiu radikale ŝanĝis la ekvilibron kaj socian kaj de la homo kun la naturo, ĉefe el la dua industria revolucio (paso de la *epoko de la karbo kaj de la vapormaŝino* al la *epoko de la nafto kaj de la eksplodmotoro* kaj la *epoko de la elektro*). La unua duono de la 20-a jarcento estis markita per du mondmilitoj kaj unu intermilita periodo en kiu la liberalaj demokratioj frontitaj al la krizo de 1929 estis defiitaj de la soveta kaj faŝista totalismoj. La dua duono de la 20a jarcento karakteriziĝis per la terurekvilibro inter la du superpotencoj (Usono kaj Sovetunio), kaj la malkoloniigo de la Tria Mondo, meze de mondoregionaj konfliktoj de granda violento (kiel la arab-israela) kaj akcelo de la teknologia plinovigaro (tria industria revolucio aŭ scienc-teknika revolucio). Ekde 1989, la falo de la Berlina muro kaj la malapero de la socialisma bloko kondukis al la aktuala mondo de la 21-a jarcento dominita de la tutmondiĝo kaj en ekonomio kaj en la politika, milita kaj ideologia aspektoj (*milda povo*) de la nura aktuala superpotenco, same kiel de ties aliancanoj (klasikaj potencoj —Eŭropa Unio, Japanio—), partneroj aŭ eblaj rivaloj (aperintaj potencoj —Ĉinio—) kaj opoziciantoj (minoraj potencoj, kiel kelkaj islamaj landoj), kaj movadoj foje rezultaj en terorismo —11-S—).[53] BCSPN.



Nuklea testo en la atolo Bikini, 26-a de marto de 1954, en plena Malvarma milito. La *atomarmila epoko* inaŭguriĝis en 1945, kiam Usono ĵetis en Hiroŝimo kaj Nagasaki la unuajn atombombojn de la historio. Sovetunio sekvis ekstermilite en tio kio estis nomita *atomkonkuro* aŭ *armilkonkuro* (samtempa al la *kosmokonkuro*), same kiel la aliaj tri potencoj kun vetoa rajto en la Konsilio pri Sekureco de Unuiĝintaj Nacioj: nome Unuiĝinta Reĝlando, Francio kaj Ĉinio. Aliaj landoj nesubskribintaj de la traktato kontraŭatomarmila pliigo disvolvigis tian atomarmilaron: malferme Barato kaj Pakistano; sen rekoni tion Israelo, Sudafriko —malmuntita je la falo de la reĝimo de apartismo— kaj eble aliaj.



Kodo de Hamurabi, Babilono. Antikva Epoko.



Moskeo de Kordovo. Mezepoko.



Santa Prisca de Taxco, Meksiko. Moderna Epoko.



*Libereco gvidanta la popolon*, de Eugène Delacroix (Francio). Nuntempa Epoko.

## Institucioj

Pri historio okupiĝas diversaj institucioj, je la plej alta nivelo (scienca) precipe fakultatoj aŭ seminarioj en universitatoj, sed ankaŭ aliaj institutoj, ekz. esplorinstitutoj.

Ĉefe prezentas, sed ankaŭ esploras, historion la tre diversspecaj kaj diverstemaj muzeoj. Konservan taskon havas ankaŭ arkivoj. Cetere instruas pri historio ankaŭ la ordinaraj baz- kaj precipe mezlernejoj.



*Haus der Geschichte* en Bonn, Germanio; muzeo pri la historio de la Federacia Respubliko.

## Historio de Esperanto

Ankaŭ Esperanto kaj la Esperanto-movado havas sian historion. Vidu ankaŭ: Verkoj pri Esperanto-historio; Historio de Esperanto. Malsame ol rilate al la lingvo (Akademio de Esperanto) ne ekzistas simila institucio pri la historio de Esperanto.

## En kulturo

En helena mitologio, la muzo Klio personigas la historion.

Aferoj tiuj, kiuj vere reprezentas la kulturon de la historaj personoj estas bondataj aferoj. Ĉi tiuj aferoj estas aŭtentikaj kaj donas sencon al nuntempaj personoj pri kiel la vivo/stilo estis dum la periodo.



Κλειώ - Klio, Muzo de historio, alegorio de Vermeer

## Vidu ankaŭ

- Historia materiismo
- Historiisto
- Historiografio
- Parola historio
- Registrita historio

## Referencoj


1. ↑ Joseph, Brian (Ed.). (2008) *The Handbook of Historical Linguistics*. Blackwell Publishing. ISBN 978-1-4051-2747-9.

2. ↑ History Definition (http://archaeology.about.com/od/hterms/qt/history_definition.htm). Alirita 21a Januaro 2014.
3. ↑ What is History & Why Study It? (http://www.siena.edu/pages/3289.asp). Alirita 21a Januaro 2014.
4. ↑ 4,0 4,1 Professor Richard J. Evans (2001)The Two Faces of E.H. Carr (http://www.history.ac.uk/ihr/Focus/Whatishistory/evans10.html). *History in Focus, Issue 2: What is History?*. University of London. Alirita 10a Novembro 2008.
5. ↑ Professor Alun Munslow (2001)What History Is (http://www.history.ac.uk/ihr/Focus/Whatishistory/munslow6.html). *History in Focus, Issue 2: What is History?*. University of London. Alirita 10a Novembro 2008.
6. ↑ Tosh, John. *The Pursuit of History*, 4-a eldono, Pearson Education Limited. ISBN 1-4058-2351-8.p 52
7. ↑ (2000) "Introduction", Peter N. Stearns, Peters Seixas, Sam Wineburg (eds.): *Knowing Teaching and Learning History, National and International Perspectives*. New York & London: New York University Press. ISBN 0-8147-8141-1.
8. ↑ Nash I, Gary B.. (2000) "The "Convergence" Paradigm in Studying Early American History in Schools", Peter N. Stearns, Peters Seixas, Sam Wineburg (eds.): *Knowing Teaching and Learning History, National and International Perspectives*. New York & London: New York University Press, p. 102–115. ISBN 0-8147-8141-1.
9. ↑ Seixas, Peter. (2000) "Schweigen! die Kinder!", Peter N. Stearns, Peters Seixas, Sam Wineburg (eds.): *Knowing Teaching and Learning History, National and International Perspectives*. New York & London: New York University Press. ISBN 0-8147-8141-1.
10. ↑ Lowenthal, David. (2000) "Dilemmas and Delights of Learning History", Peter N. Stearns, Peters Seixas, Sam Wineburg (eds.): *Knowing Teaching and Learning History, National and International Perspectives*. New York & London: New York University Press. ISBN 0-8147-8141-1.
11. ↑ 11,0 11,1 Ferrater-Mora, José. *Diccionario de Filosofia*. Barcelona: Editorial Ariel, 1994.
12. ↑ Whitney, W. D. *The Century dictionary; an encyclopedic lexicon of the English language (http://books.google.com/books?id=wrACAAAAIAAJ)*. New York: The Century Co, 1889.
13. ↑ Germane: *„Das Ziel der Geschichte kann nur die Verwirklichung der durch die Menschheit darzustellenden Idee sein."*
14. ↑ Germane: *„Was in ihr täglich geschieht, wird von keinem Verständigen als Geschichte getan oder gewollt. Erst eine gewisse Art, das Geschehene nochmals zu betrachten, macht aus Geschäften Geschichte".*
15. ↑ Germane: *Geschichte ist „Fortschritt im Bewusstsein der Freiheit" – „die Entfaltung der Natur Gottes in einem besonderen, bestimmten Element".*
16. ↑ Germane: *„Wir sprechen zwar von Geschichte der Natur und von Geschichte der Menschen. Beiden gemeinsam ist ein unumkehrbarer Prozess der Zeit. Aber beide sind in Sinn und Wesen verschieden. Die Geschichte der Natur ist ihrer selbst nicht bewusst. Sie ist ein bloßes Geschehen, das sich nicht weiß, sondern von dem erst der Mensch weiß. Bewusstsein und Absicht ist nicht ein Faktor dieses Geschehens. Es ist daher eine Verführung unseres in Kategorien der Natur gewohnten Denkens, die Geschichte selber noch nach Analogie von Naturgeschehen zu betrachten."*
17. ↑ Germane: *„Immer hat Geschichte zwei Komponenten: das, was geschehen ist, und den, der das Geschehene von seinem Orte in der Zeit sieht und zu verstehen sucht. Nicht nur korrigieren neue sachliche Erkenntnisse die alten; der Erkennende selber wandelt sich. Die Vergangenheit lebt; sie schwankt im Lichte neuer*

*Erfahrungen und Fragestellungen.“*

18. ↑ Germane: *„Man hat der Historie das Amt, die Vergangenheit zu richten, die Mitwelt zum Nutzen zukünftiger Jahre zu belehren, beigemessen; so hoher Ämter unterwindet sich gegenwärtiger Versuch nicht: er will bloß sagen, wie es eigentlich gewesen.“*
19. ↑ Scott Gordon kaj James Gordon Irving, *The History and Philosophy of Social Science*. Routledge 1991, p. 1. ISBN 0-415-05682-9. Ritter, H. (1986). *Dictionary of concepts in history. Reference sources for the social sciences and humanities*, no. 3. Westport, Conn: Greenwood Press, p. 416.
20. ↑ Fakte oftas la polemiko fare de la historiistoj prie, ekzemple la kritikon kiun Cipolla (en sis parodia eseo *La rolo de la spicoj...* -1973- kaj en *La fundamentaj leĝoj de la homa stulteco* -1976-, kolektitaj en *Allegro ma non tropo*. Barcelona: Crítica-Drakontos, 1991 ISBN 84-7423-509-X) faris al la metodoj *kliometrikaj* de Fogel kaj de Stanley Engerman, aŭ la debatoj de la diversaj tendencoj ene de la britaj marksismaj historiistoj. Vidu artikolon de Javier Ortiz Cassiani *Historia y modas intelectuales* (http://historiacritica.uniandes.edu.co/view.php/315/1.php), Historia Crítica n. 28, 2004. José Álvarez Junco, *Los malos usos de la Historia* (http://elpais.com/elpais/2013/12/18/opinion/1387366652_553092.html), 21a de decembro 2013:



„ la Historia académica, una actividad que algunos de sus practicantes defienden como científica. No lo es, desde luego, en el mismo sentido en que puedan serlo las ciencias duras, en primer lugar porque el número de variables que entran en cada fenómeno es poco menos que infinito; es decir, que las “causas” de los hechos históricos no son únicas, ni en general claras. A estos asuntos se les puede aplicar aquello que dijo Oscar Wilde sobre la verdad: que raras veces es simple y nunca es pura. Tampoco es la Historia un conocimiento aséptico u objetivo porque los datos que nos llegan sobre el pasado (documentos, ante todo) son parciales, muchas veces escasos y, sobre todo, subjetivos, emitidos por alguien que estaba implicado en la situación que describía. Una distorsión a la que se añade la que introducimos nosotros mismos, quienes recogemos e interpretamos esos datos, que también somos parciales y subjetivos, ya que anotamos unos hechos y descartamos otros según que nuestra visión del mundo los considere o no significativos. Dentro de estas limitaciones, sin embargo, la Historia aspira a un status de ciencia social, un tipo de conocimiento que no admite la arbitrariedad, el ocultamiento o el falseamiento de fuentes. Y esto es lo malo: que muy buena parte de la Historia que se escribe cae en este tipo de deformación porque tiene una finalidad política: es decir, que se usa como argumento al servicio de una causa; normalmente, a justificar la existencia de la organización política en la que habitamos (o la de otra organización alternativa que pretendemos crear). ”

21. ↑ Academia Nacional de la Historia de la República Argentina (http://www.an-historia.org.ar/) (el Retarkivo 20070326160558) (https://web.archive.org/web/20070326160558/http://www.an-historia.org.ar/); Real Academia de la Historia (http://www.rah.es/); Academia Nacional de La Historia - Venezuela (http://www.anhvenezuela.org/).
22. ↑ Benedict Anderson *Comunidades imaginadas*.

23. ↑ Vidu ekzemple tiajn fakultatojn de Beletroj, Historio de la geografio, Historia aŭ Geografio kaj Historio en la jenaj universitatoj: Universitat de Barcelona (http://www.ub.edu/facgh/gh.htm), Universidad de Sevilla (https://web.archive.org/web/20090825213603/http://www.us.es/centrosdptos/propios/centro_11), UNED (http://portal.uned.es/portal/page?_pageid=93,642063&_dad=portal&_schema=PORTAL), Universidad de Salamanca (http://fgh.usal.es/), Universidad Complutense de Madrid (http://www.ucm.es/centros/webs/fghis/), Universidad Nacional Autónoma de México (https://web.archive.org/web/20090422225116/http://proyectos.filos.unam.mx/~webmaster/filos/), Universidad de Buenos Aires (http://www.filo.uba.ar/), Universidad Autónoma de Madrid (http://www.uam.es/centros/filoyletras/)
24. ↑ Sociedad Chilena de Historia y Geografía (1839); Instituto Panamericano de Geografía e Historia (1928); Instituto de Historia del CSIC (http://www.ih.csic.es/) (Hispanio).
25. ↑ [1] (http://www.ibhanet.org/)
26. ↑ [2] (http://www.bighistoryproject.com)
27. ↑ Ursula Goodenough (10a de februaro 2011). «It's Time for a New Narrative; It's Time for 'Big History'». (https://choice.npr.org/index.html?origin=https://www.npr.org/blogs/13.7/2011/02/10/133652898/its-time-for-a-new-narrative-its-time-for-big-history) NPR. Konsultita la 13a de decembro 2012.
28. ↑ Unu de la plej okulfrapaj esprimoj estas la fama dialogo de La tria viro en kiu oni komparas ironie la impresajn kulturajn atingojn de la perfortemaj popoloj kun tiuj de la dumlonge pacemaj: Svisio kaj la kukol-horloĝo".
29. ↑ Manel Ollé Rodríguez Etnocentrismos en contacto: perfiles ideológicos de las interacciones sino-ibéricas durante la segunda mitad del siglo XVI (http://www.raco.cat/index.php/HMiC/article/view/53283/61313) Orientats, 2006 ISSN 1696-4403 (https://portal.issn.org/resource/issn/1696-4403)
30. ↑ Los Nueve Libros de la Historia de Heródoto. Libro 1 1ª parte (https://web.archive.org/web/20081016062436/http://www.webhistoria.com.ar/articulos/172.html)
31. ↑ Marko Tulio Cicerono, en *De Oratote*: *Historia vero testis temporum, lux veritatis, vita memoriae, magistra vital, nuntia vetustatis*. Tradukebla al *aŭtenta atestanto de la tempo, lumo de vero, memoro de vivo, vivinstruisto kaj mesaĝisto de la antikveco* (Álvaro Alba *Olvidar la historia es un castigo* (http://www.diariolasamericas.com/news.php?nid=66019) (el Retarkivo 20090901062725) (https://web.archive.org/web/20090901062725/http://www.diariolasamericas.com/news.php?nid=66019#)).
32. ↑

> „ Si a esta [historia] se le puede poner alguna objeción cerca de su verdad, no podrá ser otra sino haber sido su autor arábigo, siendo muy propio de los de aquella nación ser mentirosos; aunque, por ser tan nuestros enemigos, antes se puede entender haber quedado falto en ella que demasiado. Y ansí me parece a mí, pues cuando pudiera y debiera estender la pluma en las alabanzas de tan buen caballero, parece que de industria las pasa en silencio: cosa mal hecha y peor pensada, habiendo y debiendo ser los historiadores puntuales, verdaderos y nonada apasionados, y que ni el interés ni el miedo, el rancor ni la afición, no les hagan torcer del camino de la verdad, cuya madre es la historia, émula del tiempo, depósito de las acciones, testigo de lo pasado, ejemplo y aviso de lo presente, advertencia de lo por venir. ”
>
> — *La Kiĥoto, Unua parto, ĉapitro IX (http://cvc.cervantes.es/obref/quijote/*

*edicion/parte1/parte02/cap09/default.htm).*

33. ↑ *Ciencias sociales. Historia 7*, de Marcelo Muisa kaj kunlaborantoj. Eld. Santillana.
34. ↑ Salustio, *Milito de Jugurto*, IV, 1.
35. ↑ George Santayana, *The Life of Reason*, unua volumo, p. 82, BiblioLife, ISBN 978-0-559-47806-2
36. ↑ Karl Marx, *La 18a de Brumario de Ludoviko Bonaparto*.
37. ↑ Karl Marx, *Tezo pri Feuerbach*, tezo IX. Citita kaj komentita tra José Pablo Feinmann "Filosofía aquí y ahora" (http://nitegastesenleerme.blogspot.com/2008/05/filosofa-aqu-y-ahora-v-marx.html) (transkribo de televiprogramo).
38. ↑ Seixas, Peter (2000). "Schweigen! die Kinder!". En Peter N. Stearns, Peters Seixas, Sam Wineburg (eld.). *Knowing Teaching and Learning History, National and International Perspectives*. New York & London: New York University Press, p. 24. ISBN 0-8147-8141-1. Lowenthal, David (2000). "Dilemmas and Delights of Learning History". En Peter N. Stearns, Peters Seixas, Sam Wineburg (eld.). *Knowing Teaching and Learning History, National and International Perspectives*. New York & London: New York University Press. p. 63. ISBN 0-8147-8141-1.
39. ↑ Guillermo Pérez Sarrión, «Cataluña y la pasión por la causa - Cuando la historia se pone al servicio del nacionalismo, pierde credibilidad.» 17a de novembro 2013. (http://elpais.com/elpais/2013/11/08/opinion/1383910878_076679.html) *El País*.
40. ↑



„ En la 16a jarcento la historiistoj de la literaturo kaj la filologoj, studante la latinon indikis tri fazojn en ties grada evoluo: nome la "alta epoko" aŭ "supra" kiu daŭris ĝis Konstanteno, nome etapo de la klasika latino; la "meza epoko" de la lingvo, kiu daŭris ekde Konstanteno ĝis Karolo la Granda (4a ĝis 9a jarcentoj), kaj la "malsupra epoko" komencita en la jaro 842 per la unua teksto en latinida lingvo, nome *La Ĵuroj de Strasburgo*. Pro tio precize Ch. D. Du Cange titolis sian faman vortaron *Glossarium ad scriptores mediae et infimae latinitatis* (Parizo, 1678). La unua okazo en kiu oni uzas la terminon *Mezepoko* kun historia senco ŝajne estis en 1639, fare de la belga Rasuin en sia *Laodium*. La esprimo pasis ekde tiu sama 17a jarcento al la nomigo por la periodo transira inter la klasika antikveco kaj la renaskiĝo de ties kulturo eksperimentata en la Nova Epoko kiu estis formiĝinta laŭlonge de la 15a jarcento. Kaj, konsekvence, tis uzado tendencis minusaprezi la valorojn de tiu intermeza epoko kiel ponto aŭ unu nokto de "mil jaroj". La pedagogoj estis la respondeculoj de la fakto ke tiu nova koncepto de la Mezepoko akiru naturatestilon en la gvidiloj aŭ sinteziloj de historio. Profesoro de fino de la 17a jarcento, Christoph Martin Keller (1634-1707) aŭ Cellarius — kiel plaĉis al li latiniginte sian nomon laŭ la humanisma modo — enkondukis tiun tendencon en unu de la lernolibroj de Antikva Historio eldonita en 1685, kaj la klareco kiun ĝi havigis por la historia klarigo kondukis lin al ties ripeto en alia, titolita *Historia Medii Aevi a temporibus Constanini Magni ad Constaninopolim a Turcis captam deducta* (Jena, 1688). Alia profesoro, nome Loescher, ripetis ĝin en germana lernolibro: *Geschichte der Mittleren Zeiten* (1725), kaj tuj ĝeneraliĝis la nova koncepto, ĉar rezultis facila tiu divido de la historio. ”

Riu, M. (1978) *Prólogo a la edición española*, en *La historia del*

*mundo en la Edad Media* (*The Shorter Cambridge Medieval History, The Later Roman Empire To The Twelfth Century*): volumo I, p. XXIV. Madrido: Sopena.

41. ↑ *Ledetraad til Nordisk Oldkyndighed* (Gvidilo al la Nordena Antikveco)
42. ↑ Francisco Bustelo: *tres grandes hitos de la historia de la humanidad: el inicio de la hominización, la Revolución Neolítica y la Revolución Industrial.* (*Historia económica: introducción a la historia económica mundial*, p. 255.
43. ↑ En la tabeloj kiuj disvolvigas la kutiman periodiigon por Prahistorio kaj Historio, oni klopodis, ke la etendo de la periodoj, eĉ ne estante proporcia strikte al la tempopaso, ja sugestu tiun etendon tiel kiel nur per indika maniero. La koloroj estis uzitaj analogie: grizaj la periodoj de transiro, brunaj la periodoj de krizo, verdaj tiuj ekaj, dum rozkoloraj kaj oranĝaj estas disponitaj simple por vidaj necesoj (kontrasti kun la apudaj periodoj). Escepte, en la Metalepokoj estas analogio kun la propraj metaloj mem: kupro=ruĝeca, bronzo=verda, fero=nigra. Por historiaj mapoj oni vidu ĉe Commons:Category:Maps showing history.
44. ↑ Juan Luis Arsuaga (1999) *El collar del neardental* Barcelona: Plaza y Janés ISBN 84-8450-327-5 y (2002) *El enigma de la esfinge* Barcelona: Plaza y Janés ISBN 84-9759-157-7. Arsuaga kaj Ignacio Martínez (1998) *La especie elegida* Madrid: Temas de Hoy.
45. ↑ Unu el ĉefaj fakuloj kiuj klopodis la metodologian integradon de lingviko, genetiko, demografio kaj arkeologio estis Luigi Luca Cavalli-Sforza. Rimarkindas, ke tiu tipo de esplorado, kaj ĉefe ties amaskomunikila disvastigado, eventuale estas interpretata kiel konfirmado de teorioj ĉu etnografiaj ĉu historiografiaj jam eksmodaj (identigo de tio kio estas kaj kio ne estas hindeŭropa, kelta aŭ ibera kun *rasoj* anstataŭ kun *kulturoj* kiel oni faras el la moderna arkeologio) aŭ de anakroniaj naciaj identigoj:



„ Usonaj kaj svisaj esploristoj trovis, ke la genetika mapo kaj la geografia mapo de Eŭropo koincidas gapige, kaj ke en la unua eblas distingi klare lokojn kiel Iberio, la itala boto aŭ eĉ la lingvaj diferencoj de diversaj regionoj en lando kia Sviso... La datumoj sugestas, ke la genomo de la eŭropanoj, spite la jarcentojn de migradoj kaj konkeroj, estas enorme unuforma kaj ke la malnova kontinento estis pli konservema ol tio atentita se temas pri rilatoj kaj parigado. "La diferencoj en la genomo eŭropa estas tre malgrandaj, kvankam la loĝantaroj estas tre diversai inter si" ”

*La patria se lleva en los genes. Un grupo de investigadores descubre la asombrosa coincidencia del mapa de mutaciones y el geográfico de Europa* (http://www.elpais.com/articulo/futuro/patria/lleva/genes/elpepusocfut/20081126elpepifut_3/Tes), El País, 26a de novembro 2008 (la artikolo aperis ilustrita per tutkolora mapo en kiu la iberia duoninsulo estas klare diferencigita). Tiaj ekstremoj, malbone interpretitaj, povas konduki al troigoj kontraŭ kiuj kutime avertas la propraj genetikistoj:



„ Ne estas rasoj. Ekde la vidpunkto de la genetiko, oni vidas nur geografiajn gradojn. ”

Lluis Quintana-Murci, de la Institut Pasteur de Parizo, citita el Gary Stix *Huellas de un pasado lejano*, en gazeto *Investigación y Ciencia*, septembro 2008, ISSN 0210-136X (https://portal.issn.org/resource/issn/0210-136X) pg. 19.

46. ↑ Petr Beckmann *Historia de (pi)*, Libraria, 2006, ISBN 970-35-0495-

7. p. 24 (http://books.google.es/books?id=t6W9ipT2ZGcC&pg=PA24&lpg=PA24&dq=%22Antig%C3%BCedad+temprana%22&source=web&ots=e1D9fyzWs-&sig=t9L8TKlGFgbrh4Bun_s6464GRn8&hl=es&sa=X&oi=book_result&resnum=9&ct=result). Diakonov, I. M, kaj Jakobson, V. A., *Nomos, Reinos territoriales e Imperios. Problemas de Tipología*, Vestnik Drevnei Historii (Bulteno de Antikva Historio), num. 2, Moskvo, 1982, pp. 3-10 (en rusa), citita de Valen I. Guliaev *Tipología y estructura de los estados antiguos de Mesoamérica* (https://web.archive.org/web/20110717110003/http://www.ucm.es/BUCM/revistas/ghi/05566533/articulos/REAA8484110033A.PDF), p. 35.
47. ↑ Vere Gordon Childe (1936) *La originoj de la civilizo*; Henri Frankfort kaj aliaj (1946) *La antaŭfilozofia pensaro*; C. W. Ceram (1949) *Dioj, tomboj kaj saĝuloj*; Samuel Noah Kramer (1965) *La historio ekas en Sumero*; Chester Starr (1965) *Historio de la Antikva Mondo*. 1974, Madrid: Akal ISBN 84-7333-032-6
48. ↑ Perry Anderson (1979), *Transiroj de la Antikveco al Feŭdismo*, Madrid: Siglo XXI. ISBN 84-323-0355-0.
49. ↑ Marvin Harris *Nia specio*
50. ↑ Georges Duby *Militistoj kaj kamparanoj*
51. ↑ Rodney Hilton *La transiro de la feŭdismo al kapitalismo*.
52. ↑ Perry Anderson *La absoluta ŝtato*; Romano kaj Tenenti *La fundamentoj de la moderna mondo*; Immanuel Wallerstein *La moderna mondosistemo*.
53. ↑ Eric Hobsbawm *Las revoluciones burguesas*, *La era del capitalismo*, *La era del Imperio*, *Historia del siglo XX*.

# Eksteraj ligiloj

## En Esperanto

- La bildlibro de la historio, (http://www.phys.ens.fr/~jacobsen/infanlibroj/La_bildlibro_de_la_historio.pdf) Ideo: Émilie Beaumont, Teksto:Marie-Renée Pimont (franca originalo) kaj Jesper Lykke Jacobsen (esperanta traduko), Bildoj:Isabella Misso, Sophie Toussaint kaj Isabelle Rognoni. Groupe Fleurus, Paris, www.editionsfleurus.com ISBN 978-2 215-06225-7

## Alilingve

- "Templinioj de Historio" (http://timelines.ws)
- Historio: Mitologio (http://www.b17.com/family/lwp/frameset/frameset.html)
- Historia Forumo Simaqian Studio (http://www.simaqianstudio.com)
- *En tiu ĉi artikolo estas uzita traduko de teksto el la artikolo* Historia (https://es.wikipedia.org/w/index.php?title=Historia&oldid=127428953) *en la hispana Vikipedio.*